

# Boletín

de la Federación Española de Esperanto



N-ro 310 - MARTO - ABRILO - 1993

EKSTERORDINARA N-RO OMAĜE AL PROF. J. RÉGULO

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Aperanta de 1949



*Ĉef-redaktoro*
Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe,
27-29, 9° C.
50002 ZARAGOZA

*Redaktoroj kaj kunlaborantoj*
Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutierrez Aduriz
Antonio Valén Fernández



**Hispana Esperanto-Federacio**
(Informado kaj Administrado)

**Federación Española de Esperanto**
(Información y administración)

Rodriguez San Pedro 13, 3°, p-7.
28015 MADRID
Telefono + faksilo: (91) 446-80-79

## Estraro

*Prezidanto*: Antonio Alonso Núñez
*Sekretario*: Manuel López Hernández
*Vicprezidanto*: Alberto Franco Ramirez
*Vicsekretario*: Luis Gil Pérez
*Kasisto*: José Mª Bernabeu Franco
(Konto: 14.011.966 de Caja Postal)


*Kovrilo:* Familianoj, esperantistoj kaj intelektuloj portas la korpon de nia majstro Juan Régulo.
*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## ENHAVO



*Inter la honora gvardio pasas al la funebra aŭto la ĉerko de prof. Régulo*

# Al vi, Don Juan, kiu, laŭdire, mortis

Ne elegioj, sed vivkantoj ŝprucu.
Dementas draste l' vento, ke vi mortis.
El ombro viavejna, revo-limfo,
afrikaj prarajdantoj,
eŭropaj lumjarcentoj,
sonĝoj pri just' kaj tempoj de ĉerizoj
transverŝas sin ventsinen vivo-nutre.
Ilin ni sensas en la briz'. Vi foje
eksidas el kuŝad' kaj nin observas.

*Mortintoj sole donas*
*ĉifonojn el vakuo.*
*Nur dizertintoj el homeco mortas.*

Nin hantas bildoj el paseo ĵusa,
kiam, laŭdire, vi ankoraŭ vivis.
Tiu somer' de laŭdoj kaj poemoj
al vi. Plej koraj. Plej fervoraj. Niaj.

Rulseĝo, via korp' duoninerta
-karcer' de via menso plej lucida-
kaj via frunto, via nobla frunto,
emerĝa el angoro, tribunusa.
Tiu somer' de via dolor-vintro
fariĝis ĵus printempo,
senfina kaj insula,
de avokadoj, mangoj, papajberoj,
elvokoj kaj ĉeestoj.
Kaj kelkaj tion, tamen, morto nomas!

*Bestio de doloro,*
*kruela sklaviganto.*
*Vi faras el la vivo plejan morton.*

Ho, ne kolumbari', sed kolombejo!
Ne muto frosta, sed batad' flugila.

Ne ŝrumpa flor', sed frukto de morgaŭo,
rezulto de bel-am' revolucia,
kontesta feto de futur' beletra
tutmonda kaj eterna:
via verko:
miloj da sorĉaj presej-birdoj, ĥoro
da verdaj voĉoj: onto kaj rakontoj
kaj versoj kaj promesoj,
trans kiuj via puls' falenas ade,
kaj vi montriĝas plu kaj vin transvivas.

*Senmortas la semantoj*
*de vero kaj de belo.*
*Nur ilin ne rustigas la lun-flavo.*

Satena nokto kveras superkape:
hesperidinaj koploj,
sonoroj atlantikaj
-tropikaj, varmaj-, sibloj
de palmoj, krakoj bananujaj, svagaj
susuroj tamarindaj, kan-arioj:
la spur' de viaj spiroj, dum vi dormas.
El via firmamento miriade
bril-astroj soras, mevas, ĉiel-arkas,
kaj ni ricevas ope
ilian scintiladon kaj konstruas,

ho majstro, kamarad'!, vorto-post-vorte
eskalon el kristal' en la aŭroron.

*Mortintoj sole donas*
*ĉifonojn el vakuo.*
*Nur dizertintoj el homeco mortas.*

*Miguel Fernández Martín*

# Don Juan Régulo Pérez

Forpasis D-ro Juan Régulo Pérez. Esperantisto de la verto ĝis la plandoj, Don Juan dediĉis al Esperanto kaj al la Esperantismo, t.e., al la lingvo kaj al la idealo esperantisma, siajn zorgon kaj talenton, siajn iluziojn kaj penadon, fakte la plej belajn horojn de sia vivo. Liaj alportoj al la lingvo kaj al la Movado estas nevaloreblaj, ne nur kiel unuaranga instruisto, sed ankaŭ kiel inteligenta eldonisto, kaj pro lia konstanta agado kiel intelektulo, elstara inter la plej eminentaj el nia Movado.

Li lernis Esperanton kiam li estis mezlernejano, kaj en 1933 li jam organizis plurajn Esperanto-kursojn en Tazacorte, apudmara vilaĝeto plene rura tiutempe en tiu tempo. Jenajn unuajn kursojn en la lernojaro 1933/34 li gvidis: unu por fraŭlinoj, alian por laboristoj kaj alian por instruistoj. Tiu docenta laboro estis la komenco de longa fervora dediĉo, ankaŭ profesie, al la nobla instrua tasko, kiu plenigis lian vivon kune kun Esperanto.

D-ro pri Filozofio kaj Beletro. Profesoro pri Historio de la Hispana Lingvo en la Universitato de La Laguna (Kanariaj Insuloj), Don Juan (1) estis ankaŭ profesoro de Esperanto (Lingvo kaj Literaturo) en posteno kreita speciale por li, kaj ŝtate salajrata dum 18 jaroj en la menciita Universitato.

Aŭtoro de ĉ. dekdu libroj pri lingvoscienco kaj historio, unu el kiuj "Nobiliario de Canarias", kvarvoluma kun pli ol 4.300 paĝoj; aŭtoro ankaŭ de pli ol 200 fakaj artikoloj en revuoj naciaj kaj internaciaj; akademiano-korespondanto de la Hispana Reĝa Akademio de la Historio; membro de pluraj universitataj institucioj. Profesoro Régulo elokvente montras per tiuj kaj aliaj titoloj ne menciitaj, ke li alte rangas ne nur ene de nia Movado, sed ankaŭ ekster ĝi.

D-ro Régulo Pérez estis ankaŭ admirinda prelegisto en Esperanto: estis ja vera plezuro aŭskulti liajn doktajn paroladojn, plenajn je rafinitaj pensoj kaj klaraj rezonadoj, en kiuj la dolĉa prononcado kanaria ŝajnis karesi ĉiun frazon, brile montrante lian regadon de la lingvo kaj lian vastan erudicion.

Juan Régulo defendis ĉiam la bazajn rajtojn de la individuo kaj progresemajn homamajn ideojn, kaj tial li suferis, same kiel la ceteraj liberpensantaj hispanoj, persekuton kaj agresojn multnombrajn dum la teruraj jaroj de la hispana intercivitana milito kaj la sekva diktatura periodo.



*Kun la familianoj prezidas la Urbestro de La Laguna, la Rektorino de la Universitato kaj la Prezidanto de HEF.*

Iniciatinto kaj eldoninto de Esperanto-verkoj ekde 1952, presisto de libroj sub la marko "Stafeto" ĝis proksimume 1976/1980, li aperigis preskaŭ cent titolojn kun entute 20.000 presitaj paĝoj. Pri la signifo de lia esperantista aktivado tre dokumentite kaj brile verkis multaj famaj esperantistoj en

la dua volumo dediĉita al Esperantismo en "Serta gratulatoria in honorem Juan Régulo", festolibro eldonita liaomaĝe de la Universitato de La Laguna.

Honora membro de UEA kaj de Hispana Esperanto-Federacio. Rektoro de la Internacia Kongresa Universitato okaze de la Jubilea Kongreso de Esperanto en Varsovio. Membro de la Akademio Internacia de la Sciencoj de San Marino. Membro de la Internacia Scienca Akademio Comenius. Don Juan

Régulo Pérez, krom tiuj kaj aliaj multnombraj honoraj titoloj, kiuj per si mem proklamas lian altan intelektan staturon estis ankaŭ membro de la Akademio de Esperanto.

Freŝa en nia memoro restos por ĉiam nia persona vizito en lia propra hejmo okaze de la HEF-kongreso en La Laguna antaŭ du jaroj. Per Lirika Festo majstre organizita de nia kolego kaj amiko Miguel Fernández, la hispana esperantistaro volis tiam omaĝi lian figuron kaj ekzalti lian personecon. Solidare partoprenis en tiu Poezio-Festo ankaŭ poetojn el la plej elstaraj de Esperantio. La omaĝo estis memorinda, ne nur pro la alta nivelo de la poemoj kaj muziko, sed precipe pro la palpebla emocio kaj elkora estimo dediĉita al la omaĝito de poetoj kaj kongresanoj.

Plia juvelo ĵus eldonita estas lia verko "Rikolto", kiun mi ankoraŭ ne legis, sed frande mi tion baldaŭ faros. Fernando de Diego, tiu alia eminenta lingvo-majstro diris pri ĝi: *"Jen escepta libro, impona pro sia interesega enhavo kaj pro sia bela aspekto. Kondenso de riĉa kaj modela vivo"*. Certe, ke de Diego ne eraras en sia prijuĝo.

Don Juan Régulo Pérez, majstro kaj amiko, vi pace ripozu!

*Antonio Marco Botella*

(1) La vorto *Don* antaŭ la nomo, kvankam ne esperantista, volas emfazi en la hispana la rangon intelektan kaj la altan respekton, kiun meritas D-ro Régulo. Niaj legantoj bonvolu senkulpigi al mi la uzon de tiu vorto. Dankon!

# Doloro...

Post longa malsano, finfine Juan Régulo forpasis hejme apud lia familio la 27-an de januaro de 1993. Ne ĉar atendita estis malpli dolora la novaĵo pri la forpaso de nia kara profesoro. La malbona novaĵo kuris rapide. Lokaj ĵurnaloj ĝin disvastigis eldonante, samtempe, kurtajn biografiojn. Apenaŭ oni eksciis ĝin, la HEF-prezidanto kontaktis kun la ceteraj estraranoj de la Federacio, kaj kiel rezulto de tiu konsulto li flugis al Kanariaj Insuloj kiel reprezentanto de la hispanaj esperantistoj por akompani la familion Régulo en tiuj doloraj horoj, kaj ankaŭ kiel lasta omaĝo al la figuro kaj al la persono neforgeseblaj de nia profesoro.

La enteriga ceremonio estis tre simpla, sen emfazaj paroladoj, sendube kiel li estus dezirinta, nur kun la honora gvardio de la urbo La Laguna, kun ĉeesto

de la familio, urbestro, rektorino de la Laguna Universitato, s-ino Marisa Tejedor, prezidanto de "Real Sociedad Económica Amigos del País" s-ro Naceras, pluraj katedraj profesoroj, HEF kaj ESTO-prezidantoj, Alonso kaj Leandro Trujillo respektive, esperantistoj kaj kunlaborantoj de la forpasinto Ferrer Hervás, Dávila, Röllinger, Palmero, Martín, Suarez, ktp. kaj aliaj amikoj.



*La Prezidanto de HEF, Antonio Alonso kaj A. Ferrer Hervas (ESTO), post surmeto de la Verda Standardo sur la ĉerkon kie ripozas prof. Régulo.*

Sur la ĉerko la verda standardo kun florkronoj, inter ili tiu de Hispana Esperanto-Federacio.

Post la enterigo, la prezidanto Alonso kun la lokaj samideanoj Ferrer Hervas kaj Trujillo vizitis la edzinon kaj filinojn de Prof. Régulo. La kortuŝa konversacio temis ĉefe pri vivo kaj morto, sed ankaŭ pri esperantismo.

Pri esperantismo jenaj kvar aferoj reliefiĝis: la unua, ke Prof. Régulo korektis mem jam preskaŭ vivomanke la presprovojn de "Rikolto"!, kaj ke li esprimis sian penson kaj deziron, ke tio estu lia lasta laboro en la vivo, post kio li atendos nur la morton. La dua, ke s-ro Alonso transdonis al la familio

kopion Esperantan kaj hispanlingvan de sia intervjuo kun la intelektulo Umberto Eco, kaj tio estis por ili la mildiga balzamo, ke meze de ilia doloro kaj tristo, tamen venis la parolo de Eco pravigi la sintenon de Prof. Régulo, nome, ke li ne laboris vane, ĉar li kaj ni kune laboras por la bono de la homaro. La tria, temis ĝuste pri la valoro de tiu laboro, ĉu laŭ nia kompreno kaj danko, Prof. Régulo eniris tiun plej elstaran eliton, en kiu troviĝas Zamenhof, Kabe, Holder, Waringhien, Kalocsay, Bleier... La kvara, ke liaj disĉiploj en ESTO sentas sin ne nur disĉiploj pri esperantismo, sed ankaŭ pri la humanisma konceptado de la homaj rilatoj kaj de la tuta vivo.



*De maldekstre: José Palmero, Hugo Röllinger, A. Alonso (HEF-Prezidanto).*

Okaze de la enterigo, la prezidanto Alonso povis paroli iomete kun la urbestro de La Laguna (kiu nin akceptis okaze de nia tiea Kongreso) kaj komentis kun li la enhavon de sia konversacio kun Umberto Eco por memorigi al li, ke ĝuste ĉe lia akcepto, la prezidanto reliefigis, ke la laboro de Régulo celanta la bonon de la homaro, ne nur igas D-ron Régulo *"benemérito"*, sed aldone temas pri verkado kiu ne nur celas, sed alportas bonon.

Emociaj horoj tiuj vivitaj de la HEF-prezidanto en La Laguna okaze de la definitiva adiaŭo al nia kara Prof. Régulo!

Ĝis la revido, neforgesebla kara majstro!

Laŭ informo de la prezidanto *A. Alonso Núñez*

# D-RO RÉGULO
# LAŬ KONSIDERO DE NOVA ESPERANTISTO

Estas klare ke mi nenion rakontus pri la vivo de Don Juan Régulo, se mi na kapablus rimarki en ĝi ion specialan, se ĝi estus por mi senmesaĝa vivo. Tamen, necesas ke mi agnosku, ke li vere impresis min, nur de post kiam li ne kuraceble malsaniĝis. Jes, memkonpreneble, antaŭ tiu malgaja evento, mi miris pri li. Sed tiu miro neniel devenis el mia ekkonkapablo pri liaj plej intimaj ecoj, kaj tiamaniere ĝi ne fariĝis admiro. Ĝi neniel sukcesis transiri de l' kapo al koro. Mi nur kapablis rigardi lin, kiel tre kleran intelektulon kun vastega kulturo, fajne senteman, sprite dialogeman, kaj karaktere trankvilan, spite al lia amara sperto kaj ironio. Nur poste, kiam li pro grava cerba malsano abrupte perdis sian mense kaj scie kompaktan apogilon, kaj kun grandega peno sed sen ĝeno, kuraĝis sin adapti al nova situacio, malvualigis antaŭ miaj mirigitaj okuloj lia plej intima forto, la vera, laŭ mi, de li kaŝita trezoro: la brilanta stelo kiu pasi-reve pelis lin antaŭen, hejm-intime, diskretsilente, spite kaj preter ĉiujn virtojn kaj malvirtojn liajn. Frakasiĝis riĉege garnita arkeo, kaj el lia interno eliris io senkompare pli valora ol nuraj oro, diamantoj kaj perloj: ardanta spirito. La disflama torĉo de "La Stafeto".

Don Juan mi konis antaŭ multaj jaroj, estante mi adoleskulo, ĉar mia duonpatro estis profesoro same kiel Don Juan, kaj eĉ mia patrino gvidis specialan kurson pri la germana en la Universitato de La Laguna. Poste ambaŭ lernis Esperanton ĉe la Universitata kurso, kiun gvidis D-ro Régulo. Tiam, mia duonpatro proponis al mi lerni kiel ili Esperanton ĉe Don Juan, kaj mi respondis senhezite kaj memfide, "ne"!. Tro mi revis al libero, por fidi je liberecaj kantoj! Jes, tro krude-bloke, tro laŭproponant-pasie, mi faris miajn elektojn; kaj anstataŭ alĝustigi vojon al celo, vivon al sinteno, karakteron al spirito, pro ia malama revo, kelkfoje mi faris ĝuste la kontraŭon, kaj stumpante celon, sintenon kaj spiriton, mi elektis malliberan vojon. Ho, hodiaŭ eĉ mi kredas, ke se mi estus trovinta nenian, krom viva, vivsaviga, celon, mi, preter mallibero, al propra neniigo estus irinta! Jen pro kio nune mi opinias, ke por propagandi Esperanton nepras kiel unue, pervive naski liberon; ĉar ne vane, ĝi estas la lingvo de libero.

Pasis de ĉio ĉi multaj jaroj: pli ol 35. Intertempe mi edziĝis, mia duonpatro forpasis kaj mi iĝis senlaborulo. Ĉar kio sekvas multe interesis min, kaj ankaŭ por helpi mian denove vidviniĝintan patrinon, kiu nun ege solecis, kaj kiu siavice plej ame pretis kunlabori kun mi, mi finfine decidis lerni Esperanton. Krom ĉeesti specialan kurson, mi jam de komence partoprenis la kunvenojn de La Laguna-societo "ESTO", kie sen esti oficiala estro, nepre regis kaj lekciis per sia parolo ravege vastkultura, ironie pikhumora, prof. Juan Régulo Pérez. Lia scio, inĝenio, kaj lerta dirmaniero, krom lia pro insulara naturo kaj kruda vivosperto, serene dolĉa sed akrete pipra karaktero, etosis ĉie. Eblis ĝui, kaj

samtempe multe lerni. Miaopinie li estis eksterordinare bona instruisto. Kiam oni demandis ion al li, la respondo estis plej ofte tiom oportune ekzempla kaj frape konciza, ke ĝi gravuriĝis en onian kapon. Sed, kiel dirite, kvankam jam eblis al mi miri pri li, ĉar ĉi-foje mi konis de li iom pli ol la nuran vizaĝon, kiel okazis al mi kiam mi estis knabo, tamen lia plej profunda personeco restis por mi ankoraŭ nun, en pleja obskuro. Kaj eĉ eblas sin demandi: ĉu povis esti alie?



Nu, kiam mi jam nun kapablas esprimi min Esperante, mi kredas min kapabla aserti pri ĝi, ke kvankam ĝi nepre estas lingvo simpla, ĝi neniel estas simpla lingvo. Do, ĝia simpleco estas relativa, rilatas nur al ĝia fundamenta strukturo, sed neniel al la kvanto de ĝiaj eblecoj kaj al la plej oportuna esprimelekto. Dank' al tio, mi, kvazaŭ laŭ milda deklivo suprenrampanta infano, per ĝi sukcesis plialtiĝi. Tamen, jen nia plej grava demando: kvankam Esperanto nepre konvenas al homaro, ĉu ekzistas sur tero homo, kiu nepre konvenu al Esperanto?

Ne facile respondi. Miaopinie Esperanto similas al amo. Unue tio estas afero de ravo kaj pasio, laŭ pleja konveno al propraj karaktero, vivosperto kaj sinteno. Kaj kiel ĉiam, spite al ĉio ĉi, ne ĉiuj kandidatoj sukcesas. Sukcesas nur relative malgranda nombro el ili, kvankam kelka, eĉ eminente lernas la lingvon kaj komencas la novan vivon. Sed nun venas la plej malfacila parto: la geedziĝo. Feliĉe, se la amo estis matura kaj vera, Esperanto pluravos la edzoparon ĝis preskaŭ ĉiutage ne atenditaj limoj. Ĝi plenumos ĉe li ĉiujn esperojn je homa disvolviĝo kaj pleniĝo, laŭ sia fundamenta alvoko: tuthomara perkultura unuiĝo, komencante per la propra. Grandioza programo, kiun ne ĉiu komprenas, kiel ankaŭ eble ne plene komprenas la grandiozecon de sia vivpartnero. Sed la homa parduono havas ja ankaŭ devojn, kiuj povas esti resumitaj al unu sola: respondi ĉiumomente, mense, kore kaj age, al la grandiozeco de sia spirita duono. Kaj memkompreneble, tie kiel ĉie, ne nepre restas homo je la alteco de siaj propraj devoj, eĉ se tiom sakraj.

Ŝajne mi deflankiĝis. Sed pro la ekzistanta unuo inter homo kaj idealo, ĉi-kaze eble ŝajne ol vere reale. Iun tagon, Don Juan, neatendite, ege grave malsaniĝis. Li havis cerban sangoelfluon, kaj tiu angi-rompiĝo, kelkfoje poste

ripetiĝis. Okazis tio la unuan fojon antaŭ tri jaroj, kaj li perdis grandparte sian memoron kaj la parolkapablon. Tamen, lante, li sukcesis rekuperi sin iom post iom, la unuan fojon, kaj ankaŭ la duan. Tiom baldaŭ kiom li kapablis, li ĉeestis denove la societajn kunvenojn. Unue li venis el sia ne malproksima hejmo, promenante sola. Kiam tio al li jam ne plene eblis, ĉar ege danĝere pro lia sanstato, pli juna samideano akompanis lin. Li restis trankvile atentante, kaj nur de tempo al tempo, pli per signoj ol per vortoj, li diris: "Bonvolu, iomete pli laŭte". Ankaŭ de tempo al tempo oni diris ion, kion li deziris komenti, prikonsenti aŭ iamaniere korekti. Li komencis paroli. Ekestiĝis absoluta silento. Jam apenaŭ komence, post la unuaj vortoj malfacile elparolitaj, li restis pensante. La ideoj, ja eĉ la terminoj kiujn li devis uzi, forvaporiĝis de lia menso. Inter ĉies plejplena respekto, li rekomencis denove. Tamen, antaŭ la rezulto denove identis. Post kelka momento li tute simple aldonis: "Bonvolu pardoni min. Mi jam ne povas". Kaj li restis plu atentante, tute silenta, kiel antaŭkomence. Kvazaŭ tute matura infano. Kaj, same, kvazaŭ tute matura infano li restis fidela al la ĉiusemajna kunveno, eĉ pli fidela ol ĉiuj aliaj. Ŝajnis al ni ke li klopodas eklerni denove la lingvon. Ĉiuj el ni restis plej profunde kortuŝitaj, kaj nur ekparolis por ke li ne rimarku nian silenton. Kaj ĉar mi volas ekde nun plej fidele atesti laŭ tiu sperto, ke kvankam personoj forpasas, nepre ne tiel liaj idealoj, male, ili revivige plukreskas kvazaŭ per gepatra sango akvumitaj, eĉ spite al la ne tiom forta personeco de la restantaj idealistoj, jen pro kio mi decidis nepre rompi mian silenton.

Mi ĉeestis, kiel multaj esperantistoj, la entombigon. Krom la urbestro, la rektorino kaj profesoroj de la Universitato kaj aliaj aŭtoritatuloj, ankaŭ alvenis germana edzoparo kaj alia pola, tiumomente loĝantaj en alia parto de la insulo. Kaj eĉ la prezidanto de Hispana Esperanto Federacio venis el unu el la partoj plej malproksimaj de la Duoninsulo: Santiago de Compostela. Ankaŭ la ĉerko, tute kovrita per la verda, unustela flago de l' Espero, estis portita de kelkaj esperantistoj.

(*) Mi certe fiaskos ĉi-okaze je mia celo, se mi espere, sed ankaŭ iomete dolore, ne konstatos jenon: meze de la granda monda diverseco, apenaŭ ekzistas de timo kaj vano tute purigita amo, kaj pro tio, ĉiu elektas, ne la Bonon, sed de la Bono, nur parton. Jen pro kio, miaopinie, nek malpiuloj estas nepre ne redempteblaj, nek piuloj kvazaŭ aŭtomate redemptiĝas. Kaj se Esperanto, ĉar ĉi-tempe al homar-komuna celo tiom nepre konvena, tiel grave rolas laŭ propra sperto je redempto de malpiuloj, ĉu ĝi, eĉ oficiale, ne povas roli tiel same grave je tiu de l' piuloj? Ĉu katolikoj sin rezistas akcepti tiajn al katolikismo, egaluniversalismo, kvankam malortodoksdevenajn, tamen fundamentajn avantaĝojn? Kiel dirite: ne nepras oficialiĝi por akcepti de la vero, disige, nuran parton! Ĉiu preferas esti kastelo, anstataŭ filo de l' Ununura Gepatro!

*Aurelio Solís*

# Letero al Juan Rêgulo

Morto, zorga hommastrino,
falĉas re kaj re, sen fino,
susure silkan fojnon.

Kara Johano,

Verdire, la informo pri via morto min ne ŝokis. De pli ol du jaroj vi ege malsanis tiel, ke via voĉo iĝis pli kaj pli silenta. Kaj ni rezignaciis. Kiam ne plu eblis babili aŭ konversi kun vi en kongreso, kiam ankaŭ korespondaj ligoj aborte devis ĉesi, tiam restis la plezuro tuŝi kaj okuli la librojn de vi eldonitajn. Ĉar, via-vorte, librojn naskitajn por eterneco vi ĉiam ekipis tipografie noble kaj ortodokse bele.

Nelge mi skribis en kunlaboraĵo por *La Gazeto*, ke sen via kontribuo al la esperanta kulturo nun ekzistus nek ĝermo de ibera skolo nek mi mem kiel verkisto kaj probable kiel esperantisto entute. Kaj mi ne troigis. Ne nur Fernando de Diego, nia alia modelo kaj mentoro, sed ankaŭ la nuna generacio hispana ŝuldas al vi multon. Generacio beletrista, eldonista, instruista kaj movadista, kiu trovis en via aktivado plej imitindan ekzemplon.

Kvankam mi ne legis vian *Rikolto*, en du el viaj artikoloj mi vin vidas plu. En la unua, *Pri kio (mal)entuziasmas Juan Régulo Pérez*[1], vi esprimas vian opinion plene sendepende, senkompromise kaj sendogme, instige-vigle. En la dua, *Amble kun William Auld*[2], senteblas, ke vi jam antaŭvidis kaj iel antaŭvivis la tagon de via forpaso, kaj ke kiel unu el la lastaj helenoj ĉi-jarcentaj vi akceptis natura la neeviteblan. Eĉ nur per ĉi plurpaĝa teksto, probable la plej bela iam kreita en nia lingvo, atingos vi la senmortecon, kiun vi *celis kaj aspiris*.

Ankaŭ mi sentas vin mia samlandano en la lingva patrujo hazarde kaj (mal)libere elektita. Permesu do, ke mi finu ĉi leteron per hasta robaio:

Johano, vi renkontis la netuŝeblan morton.
Ĝi venis fajro-paŝe por diri lastan vorton,
sed haltis muta, ĉar vi mil verkojn por eterne
stafetis: ni heredas ne torĉon - sed rikolton.

Dankon pro ĉio. Amike, via

Georgo Kamaĉo

1) Aperinta en *Esperanto*, n-ro 916, aprilo 1982, p. 68-69.
2) Aperinta en *En barko senpilota*, plena originala poemaro de William Auld, eld. Edistudio, Pizo, 1987.

# *Al eldonunto mia*



vicis nun rikolto korpa
sed la rolo plu validos
miriado da poetoj vin atendos
trans la Transo, danke
via sperto klero trafo taŭgos tie
sur la pintoj empireaj
(kiujn saĝis vi ne kredi nek prediki)
ĉar keruboj kaj serafoj ŝajne estaj
regalos vian torĉon per debito
kian vi buĝetis reve
sur duobla solo mara
de lazuroj kaj galeoj

ĉi-borde ŝvebos nur saŭdado
pri arkipelagaj venkoj
de homo stara kaj solida
ĝis la lasta paĝ' kongrua

sekvinta la diecon de si mem
kreinta por si mem filozofion
kaj vivinta laŭe

*Régulo* nia
vi bonvenis ĉe la lingvo
magra je reguloj

# 2-a Kongresa Komuniko

78-a Universala Kongreso de Esperanto. Valencio (Hispanio), 24-31 julio 1993. Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; telefakso (+31 10) 436 17 51. Adreso de LKK: 78-a UK, Gran Vía Fernando el Católico 45-a E-46008 València, Hispanio.

**Aliĝoj:** Ĝis la fino de januaro aliĝis iom pli ol 1000 personoj el 58 landoj. Plej multaj kongresanoj venas el Hispanio (138 aliĝoj), Francio (94), Germanio (84), Japanio (79), Pollando (64), Nederlando kaj Britio (po 42).

**Dua Bulteno:** Pro teknikaj kaŭzoj ĝi aperos nur fine de februaro. Ĝin ricevos ĉiuj ĝisnunaj aliĝintoj, kaj poste ni sendos ĝin samtempe kun la trakto de ĉiu nova aliĝo. La Dua Bulteno donas detalojn pri loĝado en sep diversaj hotelaj kategorioj kaj tri tipoj de studentaj loĝejoj (kun manĝoj), diversaj ekskursoj, antaŭkongreso en Barcelono, du postkongresoj, bankedo, kaj la kongresa programo.

**Loĝado:** Rezulte de ioma malvaloriĝo de la hispana valuto, UEA povis iom malaltigi la prezojn de hoteloj kaj ekskursoj kompare al la sumoj anoncitaj sur la antaŭmenda folio en Vieno. Loĝigo en hotelo kalkuliĝas inter 64 kaj 124 gld., dum studentejo (loko en dulita ĉambro) kostas de 39 ĝis 52 gld.

**Ekskursoj:** Ses tuttagaj ekskursoj celas regionon en Valencilando; unu el ili vizitos ankaŭ la historian urbon Teruel en la najbara Aragono. Aliaj ekskursoj portos vin al romiaj restaĵoj de Sagunto, belaĵoj de oranĝflora marbordo, palmoriĉa ĉirkaŭaĵo de Alakanto, la famaj turismaj lokoj Benidormo kaj Gŭadalesto, kaj la mezepoka urbo Morella en la provinco Kasteljono. La duontagaj ekskursoj invitos al urborigardado , vizitoj de muzeoj, la mirinda lago Albufera, fabriko de la fama porcelano "jadro", aŭ simple al la proksimaj plaĝoj. Kaj fine: eblos ekskursi ankaŭ dum vesperoj, kun bonaj manĝoj, amuzo kaj dancado.

**Turisma broŝuro:** Ĉiuj kongresanoj ricevos ĉe la alveno broŝuron en Esperanto, kun detala urbo-mapo kaj utilaj informoj, speciale eldonitan de la urbestraro de Valencio.

**Fakaj Kunvenoj:** Mendiloj por la kunsidoj de fakaj asocioj estis dissenditaj en januaro. Se via asocio ne ricevis ĝin, bv. peti ĉe la konstanta adreso en Rotterdamo.

**Program-skemo:** Por eviti koliziojn de programeroj kaj konstantan en- kaj eliradon dum la kunsidoj, la programo estos organizita en blokoj 45-minutaj, kun paŭzo post ĉiu bloko, kiam eblos trasiri al alia kunsido.

**Infana Kongreseto:** Ĉe la CO kaj ĉe la UEA-komisiito pri infanaj aferoj (Ch. Fettes, St. Columba's College, IE-Dublin 16, Irlando, tel. +353/1-931984, fakso +353/1-936655) haveblas provizora aliĝilo kaj unua informilo pri la 28-a IIK. Kotizoj ĝis la fino de marto: 275 gld. (por nepagipovaj landoj: 150 gld).

**Teatro:** Partoprenintoj de la 74-a UK en Brajtono certe memoras la britan teatran trupon (tiam sennoman) *La Vaguloj*, gvidatan kaj reĝisoratan de Lou Brooks. Ankaŭ en Valencio ili restos fidelaj al aŭtoro Alan Ayckbourn (kaj tradukisto William Auld), kies komedion *Parencoj provizore* ili prezentos. Estos ankaŭ aliaj malpli grandaj teatraĵoj.

**Kabaredo:** La pasintjara kongreso en Vieno anoncis eblan reviviĝon de preskaŭ forgesita ĝenro: kabaredo. F-ino Barlaston reaperos en Valencio, certe je granda ĝuo de la publiko.

**Lingvoj de Hispanio:** Kvar seminarietoj (pri la kastilia, kataluna, galega kaj eŭska lingvoj) proksimigos al la kongresanoj la tre kompleksan lingvan situacion de la kongresa lando. Ili daŭros dufoje du horojn kaj estos gvidataj de kompetentuloj.

**Literaturo:** La Ibera duoninsulo ŝajnas havi abonon por literaturaj premioj: Gonçalo Neves, Georgo Kamaĉo, Abel Montagut, Miguel Fernández estas nur kelkaj nomoj el la juna generacio kiu plukonstruas sur la firmaj fundamentoj de E-lingva literatura tradicio en Iberio. Specialprograme ili gvidos vin tra tiu admirinda mondo.

**Kotizoj:** Ĝis la fino de marto (en guldenoj, parenteze la tarifoj por nepagipovaj landoj): Individua Membro de UEA-263 (197); IM de UEA junulo, handikapulo, kunulo -131 (98); ne-IM de UEA -330 (246); ne-IM de UEA junulo, handikapulo aŭ kunulo -197 (148).

**Informoj** pri flugvojaĝoj laŭ prezoj tre favoraj vi povas peti al la adresoj supre indikitaj de UEA kaj LKK.

*La Loka Kongresa Komitato*

---

## NEKROLOGO



Kun bedaŭro ni komunikas al niaj legantoj la forpason de nia samideano José Ferrer Serrano, 76-jara, apartenanta al la Esperanta Grupo "Aŭroro" de Barcelono de antaŭ 40 jaroj.

Samideano Ferrer Serrano lernis Esperanton apenaŭ 15-jara kaj vigle aktivis ĉiam en la Asocio. Li partoprenis en multaj Hispanaj Esperanto-kongresoj kaj Katalunaj Renkontiĝoj. En 1979 li atingis la subpremion "Jasmeno" en la 19-aj Internaciaj Floraj Ludoj.

Nian kondolencon al lia familio. Li pace ripozu!

**Responde al artikolo en "Eventoj"**

# La nuntempa Hispanio lando de etnaj liberecoj

Sur la unua paĝo de la numero 0017 de "Eventoj" aperas memnomata rezolucio de ia memnomata Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (=IKEL), en kiu i.a. Hispana Esperanto-Federacio (=HEF) estas citita.

Nu, mi, estiel prezidanto de HEF, nenion havas por diri rilate la rezolucion. Tamen, estiel hispano, ja ŝajnas al mi grava kaj prava la peto de IKEL, ke la kongresontoj en UK-Valencio 1993, povu informiĝi objektive pri hispanaj etnaj aferoj (kaj ja ankaŭ povi mem veni al opinio pri la valoro de la citita rezolucio). Tial, mi konsideras oportuna la publikigon ankaŭ en "Boletín" de tiu ĉi artikolo responde al tiu jam menciita:

En Hispanio (fakte, en Iberio), ekzistas tri ĉefaj etnoj: La cigana (la sola senteritoria), nombranta ĉ. 350-.000 personojn; la vaska, kun ĉ. 2 milionoj en Hispanio kaj malpli granda nombro en Francio; la latinida, kun ĉ. 37 milionoj en Hispanio kaj 11 en Portugalio, plus la katalunlingvaj francoj.

En la latinida ekzistas sub-etnoj, kaj eĉ sub-sub-etnoj: La galega (al kiu mi apartenas), la portugala (iuj kunigas ambaŭ en la solan galega-portugalan), la kastilia, la andaluza, la valencia, la kataluna (iuj transiras jam al politikaj kaj regaj aferoj, kaj parolas pri la *katalunaj landoj*, tien inkluzivante i.a. ankaŭ Valencion), ktp.

Hispanio tre frue iĝis centrisma aŭ preskaŭ centrisma ŝtato jam fine de la 15-a jarcento, post forvenko la muzulmanajn reĝlandojn kaj ekziligo la judojn. (Se ni volus apliki etnajn konceptojn al tiu procezo, temus pri tio, ke la kristana gento sole ekregis kaj loĝis en Iberio).

En tia centrisma ŝtato ja ĝenerale ne estis facila nek feliĉa la situacio de tio, kion ni nun nomas la rajtoj de minoritatoj, de etnoj, ks. Tute speciale ni substreku, ke jam ekde la civila milito 1936-1939 kiun Franco (pr-.'Franko') muntis, kaj tra la 40-jara Franco-diktatorado, ja malagnosko kaj persekutado etnajn rajtojn iĝis strukturiga ero de la ŝtato.

Vero postulas, tamen, ke tian plurjarcentan procezon oni ne prezentu maniĥee, kvazaŭ simple unuflanke troviĝus la viktimaj etnoj, kaj aliflanke la krima, centrisma kaj etnojn-subpremanta ŝtato, ĉar ja tie ĉi -kiel cetere ĉie alilande- temis kaj plu temas pri implika miksaĵo de interesoj kaj luktoj dinastiaj, ekonomiaj,

politikaj, religiaj, kulturaj, etnaj, ks., el kio povis rezulti nur situacio ne por ĉiuj kontentiga. (Nur du ekzemploj pri tia implikaĵo: Eĉ nuntempe, post alveno de demokratio en Hispanion, timoj kaj akuzoj ekzistas, ke iuj personoj kaj politikaj strukturoj, mem strebantaj al propra sendependiĝo disde la nuna hispana ŝtato, tamen celas kaj eĉ planas pri englutado de aliaj etnoj kaj de ties teritorioj, tiel iĝonte centrisma ŝtato, eĉ se alia kaj pli malgranda ol tiu nuna. Aŭ ke iuj socigrupoj, mem petantaj pri propra aŭtonomio, tamen sukcesis pri kreskigo de centrismo kontraŭ aliaj komunumoj, el kio ili tiris/tiras ekonomiajn kaj alitipajn avantaĝojn, ktp.

Kiel ajn estu, ni hispanoj restas daŭre surprizitaj, ke kvankam tra malfaciloj, ni sukcesis pace transiri de la diktatora strukturo de la Franco-ŝtato en tiun nunan, plene demokratan. Kaj unu el la plej honorindaj el la novaj atingoj ja estas, ke etnaj liberecoj ne nur akiris leĝan vivorajton, sed ankaŭ faktan kaj viglan vivon politikan: Nuntempe ekzistas en Hispanio 17 Aŭtonomaj Komunumoj, ĉiu kun propra parlamento kaj financaj rimedoj (iukaze eĉ pli fortaj ol tiuj de la germanaj Länder), ktp. La lingvo kastila (antonomazie 'la hispana') estas la oficiala en la tuta ŝtato; krome, same oficialaj en la kvar respektivaj komunumoj estas la galega, kataluna, valencia kaj vaska. Ktp. ktp.

Kompreneble, ne ĉiuj hispanoj estas egale kontentaj per la nuna situacio, kaj tre ofte apudpordaj najbaroj akre diverĝas inter si, ĉu oni devas reveni al la centrisma ŝtato kun la hispana sole oficiala, aŭ ĉu oni devas veni al sendependiĝo kaj ekskluziva uzado de propra denaska lingvo nekastila. Ja ankaŭ multaj indiferentas pri tiaj aferoj, kaj ankaŭ multaj egale bone kaj decide vivas sur ĉiuj niveloj, kaj eĉ ilin miksante laŭ tute natura vojo. (Al tiu ĉi lasta situacio ŝuldiĝas miaopinie la fakto pri kiu IKEL postulas, ke oni uzu nur "València", "Joan", kaj ne "Valencia", "Juan", aŭ ke oni ilin ne miksu laŭ la propra persona inercio).

Cetere, en la lastaj jardekoj akumuliĝas novaj faktoj, tiel ke etnismaj aferoj ja plu restas egale gravaj kaj esencaj, tamen ilia fakta enhavo varias laŭ rapido apenaŭ mastrebla. Nur kelkaj ekzemploj pri tio:

- En Vaskio kaj Katalunio pli abundas sendependismaj sentoj ol en aliaj hispanaj regionoj, tamen nuntempe pli ol triono de la respektivaj loĝantaroj naskiĝis aliregione, kun malsama denaska lingvo (kaj tiu triono konsistigas krome la parton pli junan kaj pli naskeman).

- La alveno de la Eŭropa Komunumo kaj de ties principoj pri solidareco ks. trudis drastan repensadon de etnismo, de nacio kaj de ŝtato. Kaj al tio kontribuas ankaŭ la movado pri Eŭropo de/el/por la regionoj.

- Lastatempe aŭdiĝas voĉoj, almenaŭ en Hispanio, aŭ almenaŭ en Galegio, ke jam venis la tempo, atenti la rajtojn kaj bezonojn de urboj, civitoj ks., kaj ne nur de etnismaj kaj regionaj aŭtonomaĵoj, ktp.

Inter la faktoj kiujn mi juĝas esperigaj pri ĉiam pli perfekta traktado de la etnaj aferoj, mi citos nur jenajn du:

- En la oficiala ŝtata televido oni tre ofte prezentas parolojn de komunaj gravuloj en ties propra lingvo kun surpresita kastila traduko, kaj ke tio okazas ĝuste ĉar temas pri gravaj aferoj, opinioj, postuloj al la ŝtato, ks.

reciproka moko inter etnoj pri la respektive uzataj lingvoj. Kaj daŭre kreskas la nombro de hispanoj studantaj aliajn, eĉ ĉiujn lingvojn de Iberio, kaj ke tio okazas ne pro devo, sed cele al kultura pliriĉigo kaj al pli harmonia kunvivado.

Ĉar mi ne rajtas pri pli da spaco (eble eĉ ne al tiom da), mi venu al fino: La ĵusa ektuŝo al la irado de etnaj aferoj en Hispanio provizas, mi esperas, ekrigardon objektivan al ĉiu volanta scii, eĉ se la situacio lin ne kontentigas (cetere, mi mem ne kontentas pri ĝi).

Tial, en mia komence citita kvalito de galega hispano, kiel ankaŭ de uzanto de Esperanto kaj legantode "Eventoj", mi pensas, ke mi havas la rajton min turni jene al IKEL:

- IKEL devas publike agnoski, ke la nuntempa Hispanio estas lando de etnaj liberecoj. Se ĝi tion ne faros, mi pensas, ke tio pruvos, ke la terminojn "etnaj" kaj "liberecoj" ĝi uzas kun ne propraj senco kaj celo -eventuale eĉ kun senco kaj celo aprobindaj, sed ĉiukaze kun trompo al aliuloj. (Mi aldonu, ke mi ne sukcesis sciiĝi, kies Komitato ĝi estas).

- La prizona krado per kiu IKEL emblemas, se en rilato al Hispanio, povas esti jen nur ofenda, jen nur minaca al tiuj, kiuj ne samopinias kun IKEL.

- La teksto de la rezolucio estas en si mem apokalipsa kaj pamfleta, ordonema, eble eĉ fanatika. Tia tono ja ne estas tiu plej adekvata por konvinki homojn, kiuj ne samopinias kun la rezolucio.

*Antonio Alonso Núñez*

**ANKORAU PRI KOTIZOJ KAJ ABONOJ**
**Peto al la HEF-membraro**

Ni atentigas al niaj membroj, kiuj ankoraŭ ne pagis sian jarkotizon tion fari kiel eble plej baldaŭ por plifaciligi la administran taskon. Jen tabelo kun jarabono kaj kotizoj por 1993:

| | |
|---|---|
| Membreco kun la revuo "Boletín" | 2.000 |
| Emerito, junulo, senlaborulo | 1.500 |
| Asocio aŭ Grupo | 4.000 |
| Por esperantistaj societoj 10 ekz. | 10.000 |
| Dumviva membro | 200.000 |

*** ĉiuj prezoj en pesetoj. Eksterlanda abono al la dumonata "Boletín": 35 gld. aŭ ekvivalento.**

**Uzu la konto-numeron de HEF ĉe Caja Postal n-ro 14.011.966. Oni ne pagas aldonan koston kaj eblas "transdoni" la monon en ajna oficejo de Caja Postal (la Poŝto) en urboj kaj vilaĝoj.**

# Evitenda, ĉar nenecesa, konfliktiga balasto

Unuavice ni bedaŭras la subjektivan aserton, kiun faras s-ro Kamaĉo en sia artikolo "Surogataj argumentoj", aperinta en "Boletín" n-ro 309, en kiu li implicite kvalifikas malamikoj de Esperanto tiujn esperantistojn, kiuj duonŝerce kaj familiare nomas la signon de ĝia jarjubileo "rugbeopilkeca surogato", tial ke la formo de tiu signo estas tre simila al pilko de la rugbea sporto.

Fakte ili populare nomas ĝin surogato ne mokacele, sed ja spontanee kaj eĉ tutasence, ĉar en Esperanto, kiel en aliaj lingvoj, ĝia signifo estas tiu klarigita en la PIV, nome io proksimume samaspeca, sed *pli malkara* (la kursivigo estas nia), ekzemple surogato de kafo. Plie, s-ro Kamaĉo kontraŭdiras sin, kiam proteste li kondamnas la vorton "surogata", aplikatan al la menciita "rugbeopilkeca" signo, sed li senkohere kaj tute senĝene absolvas, en la lasta linio de lia artikolo, la saman terminon "surogata", kaj facilanime uzas ĝin kontraŭ la verdastela simbolo, kiu jam longtempe estas la oficiala emblemo de Esperanto, ĉiutempe rekonata tia en la tuta mondo. Jen tiuj liaj vortoj: "Kaj pri la surogata stelo?. Nu, eks pri ĝi".

Cetere, ni ja ne kultas la verdan stelon, kiun s-ro Kamaĉo eksplicite deziras anstataŭiĝi per siaj "ovalo" aŭ "melono", nek bigote adoras diigitan Zamenhofon, kies personecon kaj humanismon ni tamen daŭre admiras kaj respektas, same kiel li respektis kaj agnoskis, por Esperanto, ĝian verdastelan simbolon, kies "kvin pintoj -kiel klarigas la Enciklopedio de Esperanto-, simbolas la kvin mondpartojn, kaj la verda koloro, la esperon", el kiu lasta vorto originas la nomo de nia lingvo Esperanto.

S-ro Kamaĉo, kiel prudenta homo kaj junaĝa novulo en la Movado, devus respekti aliulajn emojn, precipe tiujn de malnovaj samideanoj, kiuj dum multaj jaroj fervore laboras por Esperanto, ĉiam fiere surportante, kelkafoje eĉ en malfacilaj cirkonstancoj, sian identigan simbolon, nome la verdan stelon. Tre probable, sen la entuziasma strebado de tiuj veteranoj, s-ro Kamaĉo ne povus nun kritiki, en Esperanto, iliajn karajn, tradiciajn kutimojn. Krome, ankaŭ al multaj el ni ne plaĉas liaj preferoj, sed ilin ni toleras aŭ ignoras. Ĉiu estas libera agi laŭdezire, sed ja neniu rajtas trudi konfliktigan Esperantan balaston, kiel alternativon de la jam tutmonde konata verda stelo, sen antaŭa, demokrata konsulto al la tuta esperantistaro, kiu enketo bedaŭrinde ne okazis.

Fine, kaj responde al plia aserto de s-ro Kamaĉo, "ke la agado de la verdasteluloj aspektigas la esperantistaron sekto antaŭ la okuloj de serioza publiko", ni aldonu, ke eble tiu lia diro estas iuloke aplikebla, sed ne en la tuta lando, des malpli en Katalunujo, kie nia formala Esperanto-Movado verdastela ĝuas, eĉ inter la aŭtoritatoj, altgradan konsideron kaj evidentan estimon, kion pruvas ĝiaj efektivaj atingoj sur diversaj kampoj de la kulturo.

Samideane kaj amike

*José Mª Galofré Domingo*
Prezidanto de KAE



## SABADELL (Barcelono)

Kadre de la du Esperanto-Kongresoj okazontaj la venontan someron en Valencio, nome la 78-a Universala de UEA kaj la 53-a Hispana de HEF, oni liveros al la edzino de s-ano Salvador Aragay, s-ino Jozefina Girona, la nunjaran "Premio Klara Silbernik".

Samideano Aragay, jam ekde sia frua enviciĝo en la Movadon, kaj poste tra sia populara "Librovendejo Esperanto", kie vigle nestas "Barcelona Esperanto-Centro" (BEC), fokuso de la Barcelona esperantistaro, longatempe tre aktive diskonigis/as la Zamenhofan Lingvon per gvido de kursoj, partopreno en prelegoj kaj kunordigado de similaj aranĝoj propagandcelaj, el kiuj lastatempe distingiĝas lia protagonismo kaj en la organizado de la Universala Esperanto-Antaŭkongreso en Barcelono, kaj en la prezentado de la premiera televida Esperanto-kurso en la televizia stacio de la urbo Sabadell.

## CHESTE (Valencio)

Okaze de la 4-a Kongreso de Valencia Esperanto-Federacio okazonta de la 30-a de aprilo ĝis la 2-a de majo 1993 en Cheste (Valencio), oni organizos specialan trejnadon de tiuj esperantistoj, kiuj deziras partopreni la Universalan Kongreson en Valencio kaj labori kiel helpantoj de la LKK. Tiucele, venos el Roterdamo kelkaj spertuloj kiuj zorgos pri la adekvata preparo de tiuj homoj. La efika funkciado de tiuj voluntuloj en helpaj taskoj de la UK estas nepre necesaj.

La LKK esperas, ke al Cheste venos amase ĉiuj fervoraj hispanaj esperantistoj, montrante tiel solidaran sintenon al la LKK en sia organiza tasko.

## LA VALLETTA (Malta)

Malta Esperanto-Societo invitas vin partopreni en la KVARA INTERNACIA TURISMA SEMAJNO EN MALTO de la 4-a ĝis la 10-a de septembro 1993. Informoj kaj aliĝiloj haveblaj ĉe: Malta Esperanto-Asocio; P.O. Box 142. VALLETTA CMR 01. Malta.

## OBERBERNHARDS/RHöN (Germanio)

Germana Esperanto-Asocio invitas vin al la 9-a Printempa Semajno Internacia okazonta en Oberbernhards/Rhön, (apud Fulda/Heslando, Germanio), de la 9-a ĝis la 16-a de aprilo 1993. Agrabla restado por la tuta familio. Lingvokursoj, ekskursoj, slojdado, kantoj, ludoj, lumbildprelegoj ktp.

Informoj: Wolfgang Bohr, Johannes-Kirschweng-Str. 11, D-W-5483 Bad Neuenahr-Ahrweiler. Germanio.

## MONTPELLIER (Francio)

La Kultura Esperanta Centro de Montpellier organizas la 18-an kaj 19-an Internaciajn Semajnojn de Esperanto okazontaj:

1) De la 21-a ĝis la 18-a de aŭgusto 1993 en Alpoj, 1100 m. super la marnivelo, en vilaĝeto Habères-Poche, meze de kamparoj kaj arbaroj, 25 km sude de Thonon. Esperanto-kursoj, ekskursoj, vizitoj, kantado, ktp.

2) De la 4-a ĝis la 11-a de septembro 1993 ĉe mediteranea marbordo, en havenurbo SETE, 30 km okcidente de Montpellier, en bela parko apud la maro. Lingvokursoj, banado, promenadoj, vesperkunvenoj, vera internacia etoso. Tre modesta restado-kosto. Eblas tendumi tre proksime. Informoj kaj aliĝoj: Centre Culturel Esperanto de Montpellier; 5, rue du Docteur Roux, 34000 Montpellier (Francio).

## KEHA (Zaragozo)

La katolikaj esperantistoj petas al siaj simpatiantoj aboni la trimonatan revuon de la Asocio.

Membro-kotizo aŭ Abono al la revuo: 600 P-tojn jare. Informoj aŭ pagoj: Angelines Lázaro de Bielsa; c/Fray Luis Amigo, 4. Edif. Rubí, 7° B. 50006 ZARAGOZA.

Monsendoj: Banco Central-Hispano; Urb. 20. Libreta Ahorros n° 1621-14-335. / ES-50009 ZARAGOZA.

## KONFERENCO EN LA VENONTA UK

La 16-a Esperantologia Konferenco, okazonta kadre de la UK en Valencio, traktos la kadran temon "Problemoj de la historiografio de Esperanto". Oni antaŭvidas trakti antaŭtagmeze kelkajn aparte gravajn temojn el la hitorio de la Esperanto-movado kaj posttagmeze, en kolokvo aŭ seminario, metodologiajn problemojn de la historia esplorado.

Sendu viajn proponojn pri kontribuoj al: D-ro Detlev Blanke; Otto Nagel-str. 110, D-O-1141-Berlin. Germanio.
Tel./Fakso 030-5412633.

## KULTURAJ FAJREROJ EN NIA HORIZONTO (Belgio)

*Maastricht*
*kaj la Eŭropo de la kulturoj.*

Tiel nomiĝas Konferenco organizita en oktobro 1992 sub la iniciato de L. van den Brande, ministro-prezidento de la flandra registaro.

Instigis tiun Konferencon la rekono de la kultura diverseco en la Traktato de Maastricht kaj la konstato ke ĉe multaj eŭropanoj ekestas timo pro unuforma eŭropa kulturo superregata de la grandaj kulturoj. La Konferenco traktis jenajn temojn: la jurajn kaj politikajn motivojn por pli da memstareco kultura kaj regiona en Eŭropo; la rolon de la lingvoj en Eŭropo; kaj la eŭropan kulturindustrion.

La flandra registaro intencas aktivigi ĉiujn diplomatiajn kaj aliajn ilojn por doni je la jaro 2002 definitivan formon al la Eŭropo de la kulturoj. La flandra-eŭropa strategio baziĝas sur dutraka politiko: unuflanke, Flandrio kiel peranto inter la grandaj kulturoj, kaj aliflanke, kiel pledanto de la malgrandaj kulturoj. Tiucele, retaro de 10 landoj kaj 10 kulturregionoj konata sub la nomo ECUALI (Eŭropa Kultura Alianco) estas disvolviĝenda kaj organizos i.a. seminariojn kiuj pristudos ekonomiajn kaj sciencajn projektojn, inkluzive kulturajn kaj amaskomunikilajn eventojn.

Sciindas ankaŭ, ke Flandrio alstrebas disvolvi kontaktojn kun la baltaj ŝtatoj sur ekonomia kaj politika niveloj. Same menciinda estas planata projekto rilate al lingvo kaj teknologio en kunlaboro kun Hungario.

Redakcioj kiuj interesiĝas aperigi tekstojn el la konferenca libro bv. kontakti la kompilanton-tradukanton: Herman Deceuninck, Kluisstraat 22, B-1500 HALLE. Belgio.



---

## ERAROJ KAJ MANKOJ EN BOLETÍN Nº 109

### El Popola Ĉinio

Pro bedaŭrinda komposteraro ni ne metis en la anonco aperinta en la pasinta numero de "Boletín" la prezon de la jarabono de "El Popola Ĉinio": 2.860 Ptoj.

"El Popola Ĉinio" aperas ĉiumonate, do per tiuj *2.860 Ptoj* oni pagas 12 numerojn.

### B. Golden

Kun bedaŭro ni konstatis komposteraron en artikolo verkita de B. Golden en pĝ. 22, linio 7, kie diras: "marteladas, estas ne *pli* da periodaĵoj", devas diri "marteladas, estas ne *pli* da periodaĵoj sed bonaj periodaĵoj".

### La Ĉefdelegito de UEA

La kontonumero de la ĉefdelegito de UEA, S-ro Juan Azcúenaga, estis erara; bonvolu do noti la ĝustan: 0354.85.31 de Caja Postal.

Al ĉiuj ni petas senkulpigon!

## DEZIRAS KORESPONDI



Membroj de la municipa organizaĵo de Kuba Esperanto-Asocio en Santiago de Cuba dez. kor. pri diversaj temoj. Skribu al la prezidantino María Luz Moya Luna; Zamorana, 9 1/2 entre Aguilera y 1Ra,Rpto: Zamorana, C-90300 Santiago de Cuba.Kubo.

Deziras interŝanĝi spertojn pri instruado de Esperanto en lernejoj, korespondaj kursoj k.s. Héctor Jiménez, Av. 47, Nr. 3803, e/ 38 y 40, Rpto. Kohlly, Playa, La Habana. Kubo.

93-jara esperantisto sin konsideranta ankoraŭ fizike sufiĉe kapabla, edziĝocele deziras korespondadi kun aktiva vojaĝema esperantistino. Bonvolu skribi al: Luis de Otaola y Faon; Residencia Virgen de la Peña. Habitación 201. Av. de Madrid, 21. 19400-BRIHUEGA. (Guadalajara). Hispanio.

Filologo/ĵurnalisto dez. kor. pri esperantologio, gazetara laboro kaj historio de la Esperanta Movado. Interesatoj bonv. skribi al: Juan Ramon Rodríguez Gómez; Apartado 6189, Cp. 10600, Plaza de la Revolución. La Habana. Kubo.

Pri diversaj temoj dez kor. artmetiisto/geografo. Skribu: Gonzalo Collantes García; N.López Nr. 857 (altos) e/ Barnada y S. Lora. C-90100 Santiago de Cuba. Kubo.

Inĝeniero Mariano Jústiz Luna, calle Primera Nr. 5, Ave. Garzón y calle 1 Apto Sueno, Santiago de Cuba 9, C.P. 90900. KUBO, deziras korespondadi pri profesiaj kaj aliaj diversaj temoj.



# HEF moderniĝas

La datumaro de HEF estas tute rekonstruata por pliefikigo de la laboro. Nova komputilsistemo kaj programaro estas zorge uzataj en la HEF-oficejo por organizi veran kaj modernan datumaron kiu pliefikigos la laboron kaj ofertos rapidajn kaj bonajn servojn al la membraro en la administra kaj informa fakoj.

La malnovajn datumojn endis preskaŭ tute rearanĝi mane, raciigi kaj unuecigi la normon skribi adresojn, personajn kaj asociajn nomojn, kunigi misapartajn adresolistojn, forigi duoblaĵojn, trakorekti lingvajn erarojn, rearanĝi la rikorderojn... Finfine HEF disponas pri unuunura kaj kompleta datumaro per kiu baldaŭ eblos labori efike kaj tute moderne.

Probable vi jam rimarkis ŝanĝojn sur la adresetikedo de Boletín. Ĉar la tuta afero estas ankoraŭ prilaborata, se vi trovas ajnajn erarojn, misojn aŭ mankojn sur via adresetikedo, bonvolu averti la HEF-oficejon por tuja korekto. Dankon pro via kunlaboro.

*Marcos Cruz* HEF-oficejo

**HEF ESTAS JE VIA SERVO:**

**LETERE**: Rodríguez San Pedro 13-3°-7, ES-28015 MADRID
**TELEFONE**: +34-(9)1-4468079 (marde kaj ĵaŭde de 18 ĝis 20,30)
**PERSONE**: samadrese, marde kaj ĵaŭde de 18 ĝis 20 (antaŭtelefonu)
**RESPONDILE KAJ FAKSE**: samnumere, kiam ajn!

# RECENZOJ

**Versojn oni ne aĉetas** de K. Kalocsay, eld. Pro Esperanto, Vieno, 1992.
Recenzo de *Georgo Kamaĉo*

# Art' por arto, bel' por belo

Jen 64-paĝa volumo kun ĝis nun nepublikigitaj poemoj de Kalocsay. Mi citu el la antaŭparolo de la eldonisto Herbert Mayer koncize trafan priskribon de l' enhavo: *Teneraj madrigaloj, amaraj japaneskoj, senhelpa balbutado antaŭ la milita hororo... ne esence modifos nian bildon de la poeto Kalocsay, sed donos al ĝi lastajn konturojn.*

Efektive. Eble tial ne aperis publike ĉi poemoj dum ankoraŭ vivis la aŭtoro, verkinta ilin inter 1931 kaj 1945. El la tuto mi trovas du partojn indaj je malforgeso. Unue, la kurtajn japaneskojn, kiel:

**Protesto**

Mil homoj mortis,
kaj trovas vi motivon
por la konsolo?
Ja ĉiu perdis sian
unu kaj solan vivon!

kiu, cetere, aperis jam en *Izolo* (Literatura Mondo, 1939 - UEA, 1977) kun iom alia interpunkcio kaj sub la titolo *Respondo* (p. 70).

Due, mi elaĉetus la poemon *Letero al "La Vagabondo..."*. Temas pri versa respondo al la samstrofa poemo de Baghy *Al unu el la poetofratoj* (el *La vagabondo kantas...*), represita en *Versojn oni ne aĉetas*, por ke eblu kompari kaj opinii. Jen unu el la multaj akuzoj en la letero de Baghy al Kalocsay:

Kvankam samaj estas niaj
celo kaj egido,
tamen ofte ŝajnas al mi,
kantas vi en *Ido*.

Parenteze, ĉar per tiaj versoj verkiĝis ankaŭ la traduko de *La bapto de caro Vladimir*, mi proponas nomi ilin *vladimiroj* (precedente ekzistas aleksandroj).

Nu, Kalocsay pretigis akran, koleran respondon, tamen fine decidis ne sendi ĝin al sia *kolego*. Ni finu per kelko da vladimiroj el tiu ĉi leginda kaj releginda epistolo multajn jarojn kaŝa:

Kio estas la motivoj
de l' malam' kolera?
Nu, ĉi tio longe estis
al mi tre mistera.
Sed mi nun jam klare vidas:
kiel ajn absurdas,
vi ne povas min pardoni,
ke vi al mi - ŝuldas.

Vortoj sincere akraj kaj, do, senpere belaj. La sekvon kaj kuntekston oni serĉu, oni trovu ĉi-volume.

# La traktato de Maastricht kaj la estonto de E.K.

La 7-an de februaro 1992 la Ministroj pri Eksteraj Rilatoj kaj pri Ekonomio de la dekdu membroŝtatoj de la Eŭropa Komunumo (EK) subskribis en Maastricht la Traktaton pri la Eŭropa Unio. Kiel sciate, por la validiĝo de tiu teksto estas necesa la ratifo fare de la naciaj parlamentoj de la 12 ŝtatoj. Konata estas la reago de Danio, kiu post nea enlanda referendumo ne ratifis la Traktaton, dum aliaj membroŝtatoj ratifis ĝin aŭ survojas al la ratifo, kvankam kun kelkaj duboj.

La Traktato pri Eŭropa Unio signifas la lastan revizion de la originaj traktatoj de la EK. Tiuj originaj traktatoj estas: la Traktato de Parizo de 1951 kreinta la Eŭropan Komunumon pri Karbo kaj Ŝtalo, kaj la Traktatoj de Romo de 1957 kiu kreis la Eŭropan Ekonomian Komunumon kaj la Eŭropan Traktaton pri Atomenergio (Euratom). Post aliaj ŝanĝoj, la lasta revizio de tiuj originaj traktatoj okazis en 1986 per la Eŭropa Unuiĝa Akto, valida ekde 1987. La demando povas esti, ĉu temas pri unu plia revizio?; ĉu ĝi signifas pli ol tion, anstataŭigon de la originaj traktatoj al nova jura realaĵo?. La Eŭropa Unio ne estas la rezulto de la traktato, sed ĝia celo. La antaŭa EEK ekde 1957 havis kiel ĉefan celon la ekonomian unuiĝon por atingi estonte la politikan union, kaj temas pri la politika unio, kiu jam alvenis. Sed la vojo estis longa kaj nefacila, ĉar la civitanoj ne troviĝas sufiĉe bone informitaj pri la nova teksto de la Traktato.

La Traktato pri Eŭropa Unio montras la jenan arkitekturon: Oni povas imagi tri pilierojn laŭ la stilo de la grekaj temploj. La unua piliero, t.e., la klasika komuna strukturo, modifas la Traktaton de Romo kaj la Unuiĝan Eŭropan Akton kaj aldonas novajn politikojn kaj la Ekonomian kaj Monan Unuiĝon.

La dua piliero temas pri la Ekstera Politiko kaj Komuna Sekureco. La tria piliero malvolvas la temojn pri Justico kaj polica kunlaborado. Tiuj pilieroj estas kronitaj de frontispico enhavanta la ĝeneralajn celojn de la Unio.

La organoj de la Komunumo restas la samaj, t.e., la Komisiono, la Konsilio, la Parlamento, la Kortumo kaj aldonas du novajn: la Eŭropa Konsilio kaj la Komitato de la Regionoj. La Eŭropa Konsilio konsistas el ŝtatestroj aŭ registarestroj de la membroŝtatoj kaj la prezidanto de la Komisiono, helpataj de la Ministroj pri Eksteraj Rilatoj, kiuj kunsidos minimume du fojojn jare, por pritrakti la plej gravajn temojn de la politika

agado. Tiu organo anstataŭas la kutimajn "pintkunsidoj" kiuj jam okazis antaŭe, sed nur sporade.

La Komitato de la Regionoj konsistas el reprezentantoj de la Regionoj kaj lokaj instancoj, proponitaj de la koncernaj membroŝtatoj kaj elektitaj unuanime de la Konsilio por kvarjara periodo. Tiu Komitato, kun konsulta karaktero, reprezentos la Regionojn kaj estos konsultata de la Konsilio aŭ de la Komisiono ĉiam kiam oni oni konsideros tion necesa.

La nova Traktato kreas la civitanecon de la Unio, kaj estas civitano ĉiu, kiu havas la naciecon de unu el la membroŝtatoj, kaj kiu rajtas esti elektitaj kaj voĉdoni en la urbaj balotoj okazontaj en la membroŝtato kie li/ŝi loĝas. Civitano de la Unio ankaŭ rajtas voĉdoni kaj esti elektita en la balotoj por la Eŭropa Parlamento. Oni antaŭvidas ankaŭ "Popoldefendanton" nomumitan de la Parlamento.

La EK ekdemokratiiĝas kaj la Parlamento akiras pli da agopovoj. Unuafoje, la Parlamento rajtos kunlabori kun la Konsilio en kelkaj komunaj temoj, kiel la realigado de la interna merkato, la libera cirkulado de laboristoj, ŝirmado de la medio, protektado de la konsumantoj, kulturaj temoj, ktp.

En 1996, per interregistara konferenco de la membroŝtatoj, oni diskutos pri pliaj rajtoj por la Parlamento, kvankam ankoraŭ malproksimas la dato kiam ĉi tiu organo estos plene leĝdona.

En la 21-a jarcento, Eŭropo havos ununuran moneron, Centra Eŭropa Banko garantios la prezstabilecon kaj post tiu mona unuiĝo, ĝi restos ligita al la naciaj bankoj per speciala sistemo de centraj bankoj.

Sed la politika, ekonomia kaj mona unioj estos realigeblaj nur se la plej riĉaj landoj kaj regionoj de la Komunumo solidariĝas kun la plej malriĉaj. Por tiu celo oni devas krei ekonomian kaj socialan kunteniĝon.

Eble la plej grava afero de la nova Traktato estas, ke ĝi antaŭvidas komunan eksteran kaj sekurecan politikon, ludante la nova Eŭropa Konsilio gravan rolon en la difino de la ĝeneralaj trajtoj de ĉiu agado.

Tiuj politikoj celas la pacon kaj la internacian sekurecon laŭ la principoj de la Ĉarto de la Unuiĝintaj Nacioj kaj de la principaro de la Fina Akto de Helsinko. La Unio petas de la Okcident-Eŭropa Unio, kiu estas integra parto de la malvolvo de la Eŭropa Unio, preni la necesajn decidojn kaj agadojn en la defenda kampo. Tiuj eksteraj kaj sekurecaj temoj eniros en la ĝeneralajn

elspezojn de la komuna buĝeto; do, oni kreis veran komunan politikon, antaŭe neekzistantan. Fine, la politika unuiĝo signifas paroli per ununura komuna voĉo pri la internaciaj problemoj en internaciaj konferencoj kaj posedi veran komunan planon pri defendo.

La rezulto estas, ke la membroŝtatoj timas perdi sian suverenecon. Ili jam transdonis parton de sia suvereneco al la EK ekde la momento de la aliĝo, sed nun la politika unio postulas ankoraŭ pli. La civitanoj de la membroŝtatoj ankaŭ havas dubojn kaj nur kelkaj havis okazon montri sian deziron pere de referendumo. Ĉu referendumo en Hispanio estus konvena? Ĉu ĝi estus jesa aŭ nea? Certe referendumo ne estas deviga, sed nia registaro ne deziris havi riskojn.

Eŭropo, en la nuna momento ŝanĝiĝas pro la ekdemokratiiĝo de la Orient-Eŭropaj landoj kaj ilia transiro de planekonomio al merkata ekonomio. Tiuj landoj volas ankaŭ
aliĝi al la EK por konstrui tuteŭropan komunaĵon. Eĉ neŭtralaj landoj kia Aŭstrio, Svedio, Finnlando ktp. frapas la pordon de la EK. De la diplomatia lerteco de la Komunumo dependos, ĉu la nova Eŭropo estos pli forta kaj efika. Se oni aldonas, ke en la eksteraj rilatoj kaj komuna sekureco la Unio havos komunan vidpunkton, ni konstatas, ke la tasko ne estos facila. Sed Eŭropo ne fariĝos subite, kiel agnoskis la "patro de Eŭropo" Jean Monnet, sed per konkretaj agoj, celantaj la plej bonan funkciadon, kaj por tiu celo necesas, ke la membroŝtatoj ne estu egoismaj kaj havu koncepton pri la estonta Eŭropo, ĉar la fina celo estas fariĝi vera federacia Eŭropo.

*M. R. Urueña*

# Ni forigu la fuŝan francismon "fervojo"

**La tro alte taksita libro de Claude Piron**

Malgraŭ kelkaj naŭze laŭdaj recenzoj pri *La Bona Lingvo*, la plej freŝdata verko el la plumo de Claude Piron, sobra leganto, kiu sukcesas travadi la cerbostuporigan subjektivan stilon de tiu aŭtoro, trovos ie, tie kaj ĉie asertojn pri Esperanto, kiuj ne kapablas kontraŭstari al celtrafa logika analizo. Mi jam komencis verki artikolojn pri specifaj aspektoj de la enhavo de la libro de Piron por montri, ke la t.n. "bona lingvo" estas bona nur supraĵe kaj tiel similas al vendejvaro, kies okulaltira pakumo kaŝas senvaloran strasaĵon. Ekzemple, en unu serioza kaj alia satira peco, mi demonstris, ke la defendo, kiun tiu profesia "plifeliĉigisto" (tiel li nomas sin)

faris de la vortparo "dekstra/maldekstra", ja povas gajni por li la titolon de "malfeliĉigisto", se en kriza situacio oni ne bone aŭdas la prefikson "mal" (1). Poste, mi dispecigis la francdevenan "terpomo" por klarigi, kiel tiu legomo povas doni leksikan dispepsion al uzantoj de Esperanto (2).

**"Fervojo": fabrikita en Francio**

En la nuna verko mi prezentos atestaĵojn pravigantajn forigon el Esperanto de la fuŝe formita francismo "fervojo". Tiu vorto estas ankoraŭ unu produkto de Franclingvujo, kaj antaŭ longe estis kontrabande enkondukita en Esperantujon. Tamen, anstataŭ anatemi ĝin kune kun pluraj aliaj francismoj en Esperanto, Piron nekonsekvence aprobas ĝin!

"Vortoj, kiel *fervojo, orfiŝo, terpomo, flava febro*, k.s. estas tre oportunaj, kvankam oni ne povas dedukti ilian signifon el la konsistigaj eroj. Ke ili ne starigas problemojn praktike, tion pruvas la fakto, ke oni neniam proponis neologismojn por ilin anstataŭi" (pĝ. 64).




Tie ĉi Piron malpravas, ĉar en miaj verkoj pri "terpomo", mi proponis anstataŭigi ĝin per la pli internacia nomo de tiu legomo, "potato", kaj ĉi-sube mi klarigos, ke ne estas necese serĉi neologismon por anstataŭi "fervojo", ĉar jam antaŭ okdek jaroj pli bona kunmetaĵo estis registrita en la *Plena Vortaro* de Émile Boirac: "relvojo".

**Netravideblaj vortoj en Esperanto**

"Fervojo", kiel Piron substrekas, ne estas analizebla; esperantologoj nomas tiajn esperantismojn "netravideblaj". Ju pli da tiaj vortoj troviĝas en la lingvo, des pli malbona, mava, ĝi fariĝas. Klasika ekzemplo de netravidebleco en Esperanta vorto estas "necesejo". Dum estas evidente, ke manĝejo kaj trinkejo estas ejoj por manĝi kaj trinki -ambaŭ vivnecesaj agoj- neniel estas eble tiri el "necesejo" la signifon, ke ĝi estas ejo por malmanĝi kaj maltrinki. Ankoraŭ unu netravidebla vorto en Esperanto, kiun Piron nomas "francaĵo", estas "magnetofono" (pĝ. 51 kaj 60); devas anstataŭi ĝin "surbendigilo".

**Analizo de "fervojo"**

Ni analizu la sekvan liston da kunmetitaj vortoj: "grundvojo", "gruzvojo", "asfaltvojo", "makadamvojo", "fervojo". La simetrio estas okulfrapa -sed ĝi



ne estas centprocenta. Ĉiu kunmetaĵo konsistas el sustantiva radiko signifanta substancon, aldonita al la ĉefelemento de la kunmetaĵo, la substantivo "vojo". La analizo baziĝas sur la formulo: $x$-vojo = vojo farita el aŭ kovrita per $x$. La signifo de ĉiu kunmetaĵo, do, estas kristalklara kun la escepto de la lasta: fervojo ne estas vojo el fero aŭ kovrita per fero.

La Esperanta vorto estas paŭsaĵo aŭ kalkeo de la franca esprimo *chemin de fer* "vojo el fero". Estas nekredeble, ke la francoj, kiuj konstante fanfaronadas, ke ilia lingvo karakteriziĝas per eksterordinara klareco kaj logikeco, ne povas kompreni, ke *chemin de fer* kaj ties sinonimo *voie ferrée* estas fuŝe formitaj esprimoj. Ne estas eble uzi la feblan pretekston, ke ankaŭ aliaj lingvoj imitas tiun koncepton: G. *Eisenbahn*, Sv. *järnväg*, I. *ferrovia*, R. *ĵeleznaja doroga*. Ja estas lingvoj, kiuj ne kunmetas la vortojn "fero" kaj "vojo" sed alimaniere, pli trafe, priskribas la vojon. En la hispana oni diras *ferrocarril* "relo el fero". La plej bona solvo troviĝas en la angla lingvo ambaŭborde de Atlantiko: en Britio oni diras *railway* kaj la ekvivalento en Ameriko estas *railroad* "relvojo", t.e., vojo el reloj. Ĝuste tiel devas esti esprimita la koncepto ankaŭ en Esperanto: "relvojo", vojo el aŭ kovrita per reloj. *Plena Ilustrita Vortaro* (PIV) ja registras "relvojo" kun jena difino: "vojo, en kiu oni fiksis paron da paralelaj reloj (=trako), por ebligi la veturadon de trajnoj aŭ tramoj".

## Terminoj en aliaj planlingvoj

Kvankam aliaj planlingvoj plejparte iris sur la sama trivita trako de la franca *chemin de fer*, estas interese kompari la sekvajn esprimojn bazitajn sur la vortoj "relo", "trako" kaj "trajno".

| | |
|---|---|
| Volapuko (Schleyer) | *klautarut* = *klaut* "relo" + *rut* "trako", "sulko". |
| Volapuko (De Jong) | *ferodarutaveg* = *ferodarut* "trako" + *veg* "vojo". |
| Occidental/Interlingue | *relvia* "relvojo". |
| Suma (apriora lingvo) | *tono nade* "trajno" + "vojo". |

**Konkludo**

Nekomprenebla estas la sinteno de Piron, kiu sur pluraj paĝoj de sia libro kritikas la francan influon en "la bona lingvo", sed samtempe miopece akceptas la paŭsaĵon "fervojo".

Surbaze de la ĉi-supraj donitaĵoj kaj rezonado, mi rekomendas, ke la kunmetaĵo "fervojo" arkaikiĝu, kaj anstataŭigu ĝin per la pli racia kaj klara "relvojo". Se tiu ĉi tendenco disvastiĝos en la *vere* bona lingvo, tiam ne plu estos transportataj sur la relvojoj de Esperantujo terpomoj, jahurto kaj magnetofonoj sed potatoj, jogurto kaj surbendigiloj.

*Bernard GOLDEN*

*Notoj*

1. Pri la malbona lingvo de Claude Piron. *Literatura Foiro*. 1990 oktobro; 127: 36.
   Ĉu li aŭdis malbone? *La Gazeto*. 1990; 6 (30): 23-25.
2. Kial oni manĝas "terpomojn" en Esperantujo. *Kulturaj Kajeroj*. 1988; 1: 4-5.
   For la francismon "terpomoj"! *La Espero el Koreio*. 1991 majo-junio; 3 (102): 8-9.

---

# Kiel fartas Kuba Esperanto-Asocio

Mia edzino Wera kaj mi estis tre feliĉaj restadi dum novembro-decembro de 1992 tri semajnojn en Kubo.

Kiu el la kongresintoj en 1990 en Havano ne fojfoje memoras pri la sindonaj kaj agemaj junaj kubaj esperantistoj?

Dum nia restado ni faris dek prelegojn pri interlingvistiko kaj terminologio. Ili okazis antaŭ neesperantistoj, ekz. antaŭ la lingvistika sekcio de la Akademio de Sciencoj de Kubo en Santiago, en la universitatoj de Santiago kaj de Havano.

Ni rimarkis, ke ne tre necesis klarigi, kio estas Esperanto, ke la lingvo funkcias ktp. Tion oni en Kubo jam bone komprenis pro la enlande tre efike influinta Universala Kongreso en 1990.

Krom la prelegojn antaŭ neesperantistoj ni faris tri movadajn seminariojn kun aktivuloj de KEA kaj kompreneble

kontaktis multajn kubajn esperantistojn.

Ni iom ricevis la impreson, ke ekzistas eble la danĝero de certa

izolado de la kuba movado. Eble inter alie pro certa negativtendenca raportado pri la nuna Kubo en nacilingvaj amaskomunikiloj kaj, bedaŭrinde, fojfoje ankaŭ en esperantaj revuoj... Tion tiuj brilaj homoj vere ne meritas. Kaj tio ne helpas al la kubaj esperantistoj.

Oni imagu, ke post la brila UK en 1990 ni estis la unuaj eksterlandaj esperantistoj (iom pli poste alvenis krome la aŭstro Gottfried Hofstäter kaj hispanino el Britio, Ana Montesinos).

Jes, la nuna ekonomia situacio en Kubo estas treege komplika kaj prema por la unuopulo. Kiel konate, ne kulpas unuavice la kubanoj...

Kiel fartas KEA en la nova situacio, kiam ĉiutagaj zorgoj pri manĝoakiro, la manko de multaj elementaj varoj, ofta foresto de elektro, malfacilaĵoj en la trafiko k.s. premas la unuopulon?

Al ni ŝajnas mirinda la celkonscia agado kaj entuziasmo de KEA. Tre ofte flue-parolantoj pardonpetis al ni, ke ili "eklernis Esperanton nur antaŭ du jaroj". En Santiago de Kubo en 1990 entute mankis grupo. Du jarojn poste nin salutis preskaŭ cent esperantistoj!

KEA organizas multajn kursojn, inter tiuj estas 38 en lernejoj, tre sisteme gvidas korespondan kurson (malgraŭ papermanko), organizas klerigajn seminariojn por siaj aktivuloj kaj faras multon alian.

Alia fenomeno estas la meza aĝo de la membraro, pri kio la eŭropanoj nur povas enviegi. Eble pro tio la asocio ŝajne ne bezonas Junularan Sekcion, ĉar ĝi en sia tuteco estas io tia.

KEA nun havas tute novan sidejon, nome belan duetaĝan domon en vilaeca kvartalo. Ĝi estas vera renkontiĝejo, kun eble 10 ĉambroj por libroservo, biblioteko (bone ordigita), kunvenoj, kursoj, tranoktadoj (entute 3 ejoj) kuirejo kaj krome kun hejmeca korto, kie eblas seminarii, rumbaritmi kaj aliumadi. Preskaŭ ĉiun samajnfinon en la domo okazas klerigaj kaj/aŭ distraj aranĝoj, ĉiam bonege vizitataj. Ni partoprenis tri tiajn renkontiĝojn en belega etoso. La ŝtato donis la domon ne postulante lupagon. Tamen la tutan kaj sufiĉe komplikan renovigon faris la membroj de KEA mem. La asocio ne ricevas iujn aliajn subvenciojn kaj mem devas enspezi la bezonatajn rimedojn, aparte vivas de la membrokotizoj.

Kompreneble, la "speciala periodo", kiel la kubanoj tre eŭfemisme nomas la nunajn malfacilaĵojn, jam faris kelkajn gravajn tranĉojn. Ne plu eblas, almenaŭ ne nuntempe, ion atendi de la eldonejo José Martí. Multaj

libroprojektoj ne plu realigeblas pro simpla papermanko (kio, cetere, ankaŭ trafis la hispanan tradukon de mia libro pri internaciaj planlingvoj faritan de Francisko Briel. Eble tio interesas iun hispanan eldonejon ?).

La Esperanto-redakcio de Radio Havano disaŭdigas ekde septembro 1988. La eĥo, precipe eŭropa estas kontentiga kaj donas al la nur semajne unufoja Esperanta programo la sesan lokon inter la entute 9 alilingvaj disaŭdigoj (krom Esperanto, tamen ĉiutage, en la hispana, angla, germana, portugala, araba, keĉua, kreola).



KEA havas kelkajn planojn, kiuj meritas la atenton de UEA kaj entute de la movado: en 1993 "Internacia Konferenco de Amerikaj Esperanto-Asocioj" (marto), en 1994 "Tutamerika Esperanto-Festivalo (marto), kaj "Internacia Konferenco Esperanto kaj UNESCO" (septembro). Eblas loĝi en la sidejo de KEA kontraŭ 10 USD/tranokto + matenmanĝo. (Tio helpas al KEA, kiu rajtas enspezi valutojn).

Fariĝas tempo, ke UEA havu strategion pri latinamerika movado, kiu parte disponas pri sufiĉe rimarkinda infrastrukturo (almenaŭ en Kubo kaj en Brazilo). Ni komprenu, ke ne la eŭropanoj (sendepende de ilia loĝloko) unuavice kompetentas pri la latinamerika movado, sed la latinamerikanoj mem. Kaj ili mem ellaboru sian strategion, realigu ĝin (kompreneble helpataj de la "cetera movado"). Ili formu celkonforman komisionon aŭ proponu al UEA "komisiiton pri latinamerika agado". Ankaŭ eblas donaci al la nove fondita "Fondaĵo Latinameriko".

Kaj krome ni konsciu, ke plej grandan efikon havas vojaĝoj de alikontinentaj esperantistoj al la movade ja iom izolita Latinameriko. Kaj, ĉar tio estas la temo de mia artikolo, aparte konsideru la duoblasence verdan kuban insulon.

Se iu volas informiĝi pli detale, li/ŝi petu informojn ĉe: KUBA ESPERANTO-ASOCIO; Apartado postal 2018, C-10200 LA HABANA, Kubo. Tel. /05377 4044 84) kaj ĉe ESPERANTO-REDAKCIO de Radio Havano; Apartado postal 70-26, La Habana. Kubo.

*Detlev Blanke*

